3-

TIBOR SEKELJ

# LA TROVITA FELIĈO

NOVELO LEGEBLA
POR
KURSFININTOJ

ELDONIS "PROGRESO"
BUENOS AIRES 1945

TIBOR SEKELJ

# LA TROVITA FELIĈO

NOVELO LEGEBLA
POR
KURSFININTOJ



ELDONIS "PROGRESO"
BUENOS AIRES 1945

Karaj Legontoj: Jen verketo de nia aktiva kaj simpatia samideano Tibor Sekelj. Ĵurnalisto, sportisto, desegnisto, lia aktiveco en la unuaj du kvalitoj, estas ja sufiĉe konata en nia lando.

La suprengrimpo al la plej alta monto de Ameriko: "Aconcagua", por du fojojn, en 1944 kaj 1945, donis al li gravan popularecon meritante okaze de la lasta ago gravan premion. Redaktoro de "Argentina Esperantisto". Fondinto kaj animo de nia Viva Gazeto, s-no Sekelj gajnis ja indan postenon inter la esperantistaro de nia lando.

DOKTORO Kirin venis de Eŭropo al Ameriko. En Bonaero, kie li estis, li neniun konis ankoraŭ. Tial, lia surprizo estis granda, kiam li eniris en kafejon, kaj tie vidis tre konatan vizaĝon. Li ne memoris tuj kiu estis la sinjoro kiu sidis ĉe unu el la tabloj; tial li staris antaŭ li silente kaj serĉis en sia memoro la bildon de tiu vizaĝo. Subite leviĝis la sidanta sinjoro, kaj kun granda ĝojo ekkriis:

—Franĉjo! Ĉu estas vi?

Li ĉirkaŭbrakis amike la sinjoron kiu alvenis kaj kiu nun subite rekonis sian malnovan amikon. Li estas la advokato Velebit, kun kiu li kune studadis en la mezlernejo kaj, kiam ili estis en la universitato, ili estis la plej bonaj amikoj. En la sama jaro ili finis sian studadon: unu fariĝis kuracisto kaj la alia advoka-

to. Malmulte da tempo post tío, unu el ili, la advokato Velebit, malaperis, kaj neniu sciis kie li estis. Eĉ lia plej bona amiko, Kirin, kiu fariĝis konata psiĥiatro, forgesis pri sia amiko kiu tiel mistere malaperis. Kaj nun li estis vere surprizita kiam li renkontis lin tiel neatendite en kafejo en malproksima sudamerika lando.

Ili ambaŭ tre ĝojis pro la renkontiĝo. Ili eksidis. Velebit demandis sian amikon pri lia alveno al Sudameriko, kaj li rakontis kiel li devis forlasi sian laboron pro la milito kaj kiel malfacile estis trovi ŝipon por la vojaĝo. Poste li demandis:

—Kaj vi? Kio okazis al vi? Kiel vi malaperis de nia urbo tiel subite, sen adiaŭo kaj mistere?

—Nenio okazis al mi —respondis Velebit—. Unu tagon mi aĉetis vojaĝbileton kaj mi forvojaĝis.

Kial vi forlasis vian advokatan oficejon, viajn amikojn kaj la urbon kie vi studis? Ĉu vi ne estis kontenta kun ĉio, kio ĉirkaŭis vin Ĉu vi ne havis esperojn por via progreso?

—Jes, kara amiko, ĉion mi havis, kion mi povis deziri, sed tamen mi ne estis feliĉa. Mi foriris, ĉar mi ne plu povis

vivi tie. Mi devis foriri por serĉi la feliĉon.

—Serĉi la feliĉon...? Kaj ĉu vi trovis ĝin?

—Jes, mi trovis ĝin —respondis Velebit per trankvila kaj konvinka voĉo.

—Do, vi estas riĉa, vi fariĝis milionulo —diris la kuracisto Francisko Kirin, dum li gaje frapetis la ŝultron de sia amiko.

—Ne, ne amiko, ne estis la riĉeco kion mi serĉis. Mi ne estas riĉa. Mi vivas modeste per tio, kion mi gajnas per mia laboro kiel verkisto. Neniam mi pensis pri riĉaĵoj.

—Tiam certe estas la amo —ekkriis la kuracisto—. Certe vi edziĝis kaj vi havas dekduon da infanoj!

Sed Mirko Velebit svingis sian kapon neante:

—Mi estas fraŭlo, Franĉjo, kaj nenian infanon mi havas.

—Do... mi ne komprenas en kio konsistas via feliĉo — insistis Kirin, dum lia tuta vizaĝo transformiĝis en granda demando signo.

—Nun certe vi ne komprenas min. Sed kiam mi rakontos al vi la tutan historion, vi komprenos min pli bone ol iu

ajn alia persono. Ne nur ĉar vi ĉiam komprenis min, sed ankaŭ ĉar vi havis tre gravan rolon en mia sorto. Grandparte mi ŝuldas mian feliĉon ĝuste al vi — diris Velebit.

—Ĉu al mi...? Ĉiam pli mistera fariĝas la afero —ekkriis la alia—. Kian influon mi povis havi sur vin, se mi ne vidis vin almenaŭ dudek jarojn... ?Parolu, do, parolu rapide!

—Ne —respondis Velebit— ĉi tie ne estas la ĝusta medio por rakonti tiun historion. Sed... ĉu vi estas libera hodiaŭ vespere...? Ĉu jes, tiam venu al mia hejmo kaj mi rakontos al vi ĉion.

LA saman vesperon ambaŭ amikoj sidis dronintaj en profundaj apogseĝoj en la hejmo de Velebit. Diskreta duonlumo cirkaŭis ilin, kaj dum la silento ŝajnis ke ambaŭ viroj klopodis reiri en siaj memoroj al tempoj pasintaj.

—Vi promesis al mi rakonti ion — diris Francisko post longa silento, mallaŭte, kvazaŭ li ne dezirus interrompi la pensojn de sia amiko.

—Ĉu vi memoras —diris la advokato per serena voĉo post ekbruligo de ciga-

redo— la tagojn kiam vi ĵus estis malferminta vian konsultejon por mensaj malsanoj? Mallongan tempon post tio vi havis pacienton tre strangan. Tiom stranga li estis, ke vi invitis min akompani vin dum via vizito al tiu malsanulo. Ofte vi faris tion, kaj ni havis longajn kaj interesajn diskutadojn pri la problemoj de la animo kaj de la menso. Ĉu vi rememoras la kazon pri kiu mi parolas?

—Verdire, vi povus refreŝigi mian memoron tiurilate. Pasis tiom da tempo, kaj tiom da aferoj okazis intertempe!

—Bone, aŭskultu... Kaj laŭvice kiel li rakontis, en la memoro de la aŭskultanto komencis reviviĝi la pasintaj tagoj.

EN tiu epoko, antaŭ dudek jaroj, ambaŭ amikoj estis ĵus komencintaj la ekzercadon de siaj respektivaj profesioj, kaj ili ofte diskutadis pri la problemoj kiuj rilatis la interesajn kazojn de la advokato, same kiel tiujn de la kuracisto kiu specialiĝis pri psiĥiatrio. Iun tagon, post longa diskutado pri stranga paciento de la kuracisto, lia amiko esprimis la

deziron viziti lin kune kun la kuracisto, kaj tiu akceptis lian proponon:

La malsanulon ili trovis kaŭrantan sur la lito, kun la kruroj fleksitaj kaj la mentono apogita sur la genuoj. Li estis kvardekjara viro kaj li loĝis sola, ĉar nek familianojn nek parencojn li havis. Li aspektis sane, kaj, laŭ la aserto de la kuracisto li havis tute sanan korpon. Sed antaŭ kelkaj tagoj li komencis plendi pro stranga bruo kiun li aŭdis; poste li ĵuris aŭdi martelbatojn venantajn de malproksime, kaj, finfine, li sentis la teruran batadon de nevideblaj pioĉoj kiuj de ĉiuj flankoj estis atakantaj lian domon por detrui ĝin. Lia fiksa ideo estis ke oni volas lin forporti de tie. La tagojn li pasigis en relativa trankvileco. Sed kun la nokto venis la teruraj pioĉbatoj en la plafono kaj en la muroj, kaj la malfeliĉa homo, ĉiam kaŭre sidanta sur sia lito ripetadis sian krion:

—Mi ne volas ke oni min forportu de ĉi tie...! Mi volas resti...! Lasu min trankvila!

En tiaj cirkonstancoj, kompreneble, oni decidis lasi lin en lia hejmo, kaj ne forporti lin en sanatorion.

La du amikoj vizitis lin ankaŭ la sekvintan nokton, kaj tiam ili eksciis de la

malsanulo ke la pioĉoj jam estis detruintaj la plafonon, kaj ke li jam vidis la homojn kiuj volas lin forporti.

La juna advokato daŭrigis la vizitadon dum la sekvintaj noktoj kaj por li jam ne temis pri stranga kazo de sia amiko, sed pri homo kiu suferis pro malsano kiun la medicino ne kapablis nek kompreni nek kuraci.

Iun nokton li trovis la malsanulon kaŭrantan sur sia lito, kiel ĉiam, kun grandaj nigraj subokuloj kaŭzitaj de la multaj sendormaj noktoj. Li diris ke la batado ĉesis, kaj nun oni portis lin. Li klare vidis la du laboristojn en kies brakoj li estis, kaj li petegis la portantojn ke ili lasu lin en la loko, en kiu li estis. Liaj vortoj iom post iom ekhavis strangan akcenton, kaj baldaŭ ili fariĝis tute nekompreneblaj. Li parolis per klara voĉo, kaj liaj vortoj laŭsajne havis signifon, en iu lingvo kiun la advokato ne komprenis, malgraŭ ke li scipovis preskaŭ ĉiujn eŭropajn lingvojn, kaj havis konojn pri la klasikaj. Li klopodis trankviligi la malsanulon, sed vane.

Vespere vizitis lin ambaŭ amikoj kune. Lia stato estis senespera. Denove li kaŭris sur la lito en tiu stranga pozicio, kiun li ne estis forlasinta ek de la komenco de sia malsano, kaj nun la vizitantoj

trovis lin banatan per ŝvito, spirante peze kaj sufokiĝante.

—Oni fermis min en keston —li diris— ...se oni tuj ne elprenos min, mi sufokiĝos...

Sur lia vizaĝo estis videblaj la signoj de la plej teruraj turmentoj.

Per vortoj estis neeble trankviligi lin. La kuracisto donis al li injekton, post kiu li iom trankviliĝis.

Post momento li faris al ni signon petante ke la vizitantoj alproksimiĝu al lia lito. Ili sidis apud la malfeliĉulo, kiu post mallonga atendo ekparolis mallaŭte kaj trankvile.

—Nun mi sentas min iom pli bone —li diris—. Sed tio ne daŭros longe. Mi ne scias ĉu estas vero ke mi estas fermita en kesto, aŭ mi sidas sur mia propra lito... Mi nur estas certa ke aero mankas ĉirkaŭ mi, kaj ke mia morto estas nur afero de kelkaj horoj, aŭ de minutoj.

"Mi profitos la tempon por fari mian testamenton. Mi diros ĝin al vi, la du plej fidelaj amikoj dum miaj lastaj tagoj... Alproksimiĝu ankaŭ la flegistino...

"Ĉio, kion mi havas; tiu ĉi domo, mia ŝparita mono, mebloj, kaj ĉio cetera apartenos al sinjorino Mirna Ŝpakovska-

ja, kiu vivas en la urbo Skoplje. Vi certe demandos, kiu ŝi estas. Jen la sekreto de mia vivo, kiun ĝis nun al neniu mi malkovris."

Li spiris profunde kaj lasis vagi en la malpleno siajn okulojn, brilantajn pro la febro. Post mallonga silento li komencis sian malkovron:

—Kiam mi havis dudek jarojn, io stranga okazis al mi. Vojaĝante de mia loĝloko al la urbo Zagreb por daŭrigi la universitatajn studojn, mi devis, laŭ la horaro, atendi kvin horojn en la stacio Brod, por daŭrigi poste per alia vagonaro. Mi decidis deponi miajn du valizojn en la deponejo de la stacidomo, kaj pasigi la tempon en la urbo.

"Mi ĵus pasis tra iu ne tre luma koridoro, kiam al mi renkontiris juna virino, kun kies rigardo renkontiĝis la mia. Mi ne scias kia magia forto estis kiu haltigis nin unu antaŭ la alia. Mi nur scias ke mi faligis sur la teron miajn valizojn, kaj ke ankaŭ la valizeto kiun ŝi portis elglitis el ŝia maneto. Ni restis tiel starantaj kelkajn momentojn, kun la okuloj larĝe malfermitaj pro surprizo. Poste ni premis la manojn reciproke, kun granda emocio, kaj ni faris unu al la alia la samajn demandojn, kiujn kutimas fari du

grandaj amikoj, kiuj dum longa tempo ne estis kune.

"Tamen en tiu momento —kiel ankaŭ nun— mi estis certa ke neniam en la vivo mi estis vidinta ŝin...

"Ni pasigis kune la kvin horojn, kiujn mi devis atendi, kaj multajn pluajn horojn. Ŝi ŝajnis al mi dudekjara knabino, kaj mi nenian bezonon sentis demandi ŝin ĉu ŝi havis edzon, kie ŝi vivas kaj pri kio okupiĝas. Ĉio ŝajnis al mi konata pri ŝi, kvankam konkrete al neniu el tiuj demandoj mi povis respondi. Dum la tuta tempo ni babiladis pri personoj, lokoj kaj aferoj kiuj estis al mi tre proksimaj, kvankam mi ne povas diri kun certeco, ĉu mi iam persone konis ilin, aŭ nur mi estis sonĝanta pri ili iun nokton. El ŝia parolado mi vidis ke ŝi konas miajn intimajn revojn, pri kiuj eĉ mi apenaŭ estis konscia, kaj mi rakontis al ŝi aferojn, kiuj min mem surprizis. Ŝi nomis min Munainii, kaj tiu nomo ŝajnis aparteni al mi ek de mia naskiĝo.

"Kiam ni devis adiaŭi, ŝi demandis min ĉu mi daŭrigas la desegnadon, kiel antaŭe. Min ne tre surprizis la demando, ĉar estis por mi nature ke ŝi sciu ke mia preferata arto estis la desegnado. Ŝi petis min ke mi desegnu ion por ŝi, ĉar kiu scias ĉu ni ankoraŭ vidos nin foje. Mi

volonte prenis krajonon kaj paperon, kaj faris malgrandan desegneton, kiu rezultis originala ornamo, ĉar nenie mi vidis ion similan nek antaŭe nek poste. Kaj la plej strange estis ke anstataŭ la subskribo mi skribis sub la desegno vortojn sen iu ajn signifo. Mi sentis honton en tiu momento pro tio, kion mi faris, sed ŝi montriĝis tre kontenta..."




La malsanulo haltis en la rakontado de sia nekredebla historio por kunigi ĉiujn siajn fortojn, kiuj jam tre mankis al li. Spirante li faris grandan fortostreĉon por kapti iom da aero. Subite li rekomencis, per voĉo apenaŭ aŭdebla:

—Post nia disiĝo ni komencis interŝanĝi leterojn, kaj ni entuziasmiĝis pri la ideo pasigi kune la venintan someron en kabano staranta en mezo de arbaro proksime de Uĵice, en la plej bela pejzaĝo de la lando...

"...ĝis kiam foje, anstataŭ ŝia letero venis skribaĵo de ŝia edzo. Li riproĉis al mi ke mi klopodis disigi geedzojn post dekkvinjara feliĉa kunvivado; ŝi estis patrino de dekkvarjara knabo, kaj neriproĉebla edzino ĝis tiu fatala jaro. Tion diris al mi la letero.

"Mi ne plu skribis al ŝi, kaj mi klopo-

dis ne perdi la iluzion de nia mirakle bela kaj neklarigebla renkontiĝo, kiun mi ne plu povis elviŝi el mia memoro.''

Denove sekvis paŭzo. Poste ekmoviĝis liaj lipoj, sed nenia sono aŭdiĝis. La tri ĉeestantoj konsentis ke li volis diri: ''Serĉu ŝin kaj transdonu al ŝi mian havaĵon kaj mian lastan saluton.''

Post momento la kuracisto prenis lian manon. La koro de la malsanulo jam ĉesis la batadon.

La buŝa testamento estis oficialigita, kaj la advokato prenis sur sin ĝian plenumon.

Li forvojaĝis al Skoplje kaj, post iom da serĉado, li trovis la domon en kiu loĝis Mirna Ŝpakovskaja. La pordon malfermis maljuna sinjoro kaj, kiam Velebit sin prezentis, la dommastro enirigis lin en la domon.

Kiam la advokato klarigis al sinjoro Ŝpakovskij la kialon de sia vizito, tiu komunikis al li, ke lia edzino mortis antaŭ du semajnoj.

—Ŝi mortis —diris la edzo— en tre strangaj cirkonstancoj. Sen ia ajn kialo ŝi komencis plendi pri iuj batoj kiujn ŝi aŭdis sur la plafono kaj la muroj. Post kvin tagoj, inter teruraj krioj kaj kun videblaj doloresprimoj ŝi asertis ke la

plafono, tiu ĉi sama kiun vi vidas super nia kapo, estis faligita. Ŝi diris ankaŭ ke ŝiaj ostoj disfalis sur la tero. Ŝia korpo paraliziĝis, kaj ŝi mortis la saman tagon, antaŭ la okuloj de la kuracistoj, kiuj nek kapablis ion helpi al ŝi, nek konstati la kaŭzon de ŝia morto.

La ĵus aŭdita historio profunde impresis la advokaton. Post ĝi fariĝis eĉ pli mistera la problemo kiu lin turmentis.

Velebit petis la vidvon ke li permesu traserĉi ŝiajn paperaĵojn, kaj tie li trovis la desegnon pri kiu la mortinto parolis. Ĝi estis vere stranga ornamo. Sub ĝi estis legeblaj la jenaj vortoj: ''sipas, munasaj huinjaj''. Kun la permeso de sinjoro Ŝpakovskij li kunportis la papereton kiam li foriris, post la plenumo de la formalaĵoj kiujn la afero de la heredaĵo postulis.

•

Ambaŭ amikoj restis dum nedifinebla tempo dronintaj en siaj pensoj. Estis la kuracisto kiu unue interrompis la silenton:

—Mi tre bone rememoras la kazon; ĝian unuan parton mi ĉeestis de tute proksime, kaj la duan vi rakontis al mi

siatempe, kiam vi revenis de Skoplje. Sed mi imagas ke vi ne intencas diri ke inter la du similaj kazoj ekzistas iu rilato. Se estas tiu via intenco, mi klarigos al vi ke depost tiam mi asistis pli ol dudek mil malsanulojn. Mi vidis la plej strangajn kazojn de mensmalsano. Multaj el ili havas iun similecon. Sed se oni klopodus trovi rilaton inter ili, baldaŭ oni mem estus preta por translogiĝi al la frenezulejo.

—Do, al vi ŝajnas ke nia ekzistado estas hazarda fakto, kiu povas esti neniigita de iu ajn hazarda "fiksa ideo", kiu "sen iu ajn kialo" metiĝas en nian kapon? Ĉu vi povas kontentiĝi kredante ke vi estas nenio pli ol la vento kiu eniras tra unu pordo kaj eliras tra la alia, ĉar ĝi estas hazarde malfermita?

—Kaj tamen estas science elmontrita ke en multaj kazoj ni devas rezigni. Sed... lasu ni tion. Ni malproksimiĝis de tio, kion vi volis al mi rakonti pri la kialo de via migrado al Ameriko.

—Estis necesa tiu enkonduko, amiko mia —respondis la advokato per serena voĉo—. Tiuj estis la duboj kiuj komencis turmenti mian menson, post la stranga koincido de tiuj du kazoj, kiam malgranda kvinlinia sciigo aperinta en la ĵurnaloj igis min forlasi ĉion kaj veni

tien ĉi. Mia celo estis povi respondi al la demando kiun vi ĵus faris al mi: "ekzistas iu rilato inter ambaŭ kazoj de mensmalsano...?

"Komence ŝajnis al mi ke devas ekzisti iu rilato. Nun jam tio ne ŝajnas al mi. Mi estas tute certa pri tio. Mi pruvis ĝin sen ia ajn dubo."

La psikiatro eksaltis de sia apogseĝo kaj restis antaŭ sia amiko firme observante liajn okulojn. La ironia rideto vibrante sur unu angulo de lia buŝo, kontrastis kun la serene mistika medio de la ĉambro diskrete lumigita per du nedirektaj lampoj el du anguloj.

—Ĉu vi povus rememori la daton de la okazintaĵo? —demandis la advokato.

—Povis esti... proksimume... dum la lastaj tagoj de la jaro 1928-a.

—Ĝuste —diris li. Poste li levis de la skribotablo tekon, kaj elprenis el ĝi folion el grava Bonaera ĵurnalo. Li indikis kelkajn liniojn signitajn per krajono, kiujn la kuracisto komencis laŭtlegi:

"La 26-a de decembro de 1928. Hodiaŭ alvenis al tiu ĉefurbo profesoro D.-kaj aliaj scienculoj komisiitaj elfosi la ruinojn de Pucará de Tilcara, antikva indiana fortikaĵo, trovitajn en la valo de Humahuaca en la provinco Jujuy. Post

longa laboro ili finis la eksplorojn kiuj donis bonegajn rezultojn. Estas trovita granda nombro da bone konservitaj mumioj, kies granda parto estas pakita en specialajn, hermetike fermitajn kestojn kaj transportita en la muzeon de Bonaero, dum multaj skeletoj disfalis pro la rompiĝo de la plafono de subtera konstruaĵo kie ili troviĝis...''

—Ĉu per tio vi volas aserti ke...

—Nenion mi volas aserti. Vi mem diros ĉion, sed lasu ke mi finu la elmontron.

Dum li tion diris, Velebit elprenis el sia biblioteko libron titolitan ''Ameriko antaŭ Kolumbo'', kaj malfermis ĝin ĉe la paĝo sur kiu troviĝis fotografaĵoj de kelkaj mumioj trovitaj en la norda parto de Argentino. Li etendis la libron antaŭ la okuloj de sia amiko, kaj demandis:

—Ĉu al vi ne estas konata la pozicio de tiuj ĉi mumioj?

—Ĝi estas tute egala al la pozicio de tiu paciento...

El la teko aperis peco de papero.

—Ĉu vi rememoras ĝin?

—Certe —respondis la kuracisto—. Es-

tas la desegno, kiun vi trovis ĉe la virino.

—Komparu ĝin kun tiuj ĉi desegnoj —diris Velebit malfermante la libron ĉe paĝo kiu montris fotografaĵojn de indiĝenaj vazoj.

La kuracisto falis el surprizo en surprizon, kaj konsideris ĉiun novan pruvon kiel atakon al lia kuracista kaj homa konscienco.

—Sed vi ne volos diri ke tiuj ĉi nekompreneblaj vortoj estas skribitaj en hispana lingvo —diris Kirin.

—Neniukaze. Sed jen vortaro de kiĉua, lingvo parolita en la regiono dum tiu epoko, kaj vi mem serĉu ilian signifon.

Kaj li rapide trovis ilin, ĉar la vortoj estis signitaj per ruĝa krajono. La vortoj signifis la jenon: "knabino", "mi cin amos", "ciam".

Ambaŭ amikoj sidiĝis. La kuracisto restis kun la fermita kiĉua vortaro en la mano, ne sciante kion diri nek kion pensi. La advokato kunigis la fingropintojn de siaj ambaŭ manoj kaj, pli por si mem ol por sia amiko, li diris:

—Jen la feliĉo kiun mi trovis ĉi tie!

Estas grandioza sento scii ke ni estas pli ol sablero en la vento... scii ke nia ekzistado havas profundajn radikojn, kaj ke en la malproksima estonto ĝi atingas la eternecon...

La horloĝo de la najbara ĉambro batis la trian. Kaj la du amikoj sidis ankoraŭ profunde dronintaj ĉiu en siaj pensoj.

FINO

